# Esperanto en Azio kaj Oceanio

n-ro 105, Novembro 2019

Bulteno de KAOEM

Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado

Anonco pri MAK-2020

## La unua Mez-Azia Kunveno en majo, 2020 en Taĝikio



### Historian arangôn en historia loko!

Organiza teamo de MAK-2020 plezure informas, ke la unua Mez-Azia Kunveno, kiu celas reaktivigon de regiona Esperanto-movado, okazos ekde la 1a ĝis la 5a de majo 2020 en Taĝikio, ĝia ĉefurbo Duŝanbeo, kun posta 3-taga ekskurso al Samarkando, antikva uzbekia urbo. Oni antaŭvidas multajn interesajn, atentokaptajn programerojn: klerigajn kaj artajn.

Partopreni la MAK-on estas invitataj geesperantistoj el la landoj de Mezazio, aliaj aziaj regionoj kaj diversaj partoj de la mondo. La aliĝado estas jam malfermita. Bv. legi pliajn informojn en la retejo de ĉi E-aranĝo : https://uea.org/vikio/Unua_Mez-Azia_Kunveno, kiu daŭre estas plenigata. Eblas kontakti la organizantojn rete : mezaziakunveno@gmail.com Bonvenon !

# Kial vi ne spertos someron en januaro?



## Aŭstralia/Nov-Zelanda Kongreso kaj Somerkursaro en Aŭklando, Nov-Zelando inter la 10a kaj 19a de Januaro, 2020

La kongresejo estos St Francis Retreat Centre, 50 Hillsborough Road, Mt Roskill, Aŭklando.

La instruistoj inkluzivos Katalin Kováts kaj Stefan MacGill.

**ENHAVO - novembro 2019 -** pağo

Ĉi-numere vi trovos du artikolojn pri Mez-Azio!



Katalin Kováts estas unu el la plej famaj instruistoj de Esperanto. Ŝi gvidis multegajn altkvalitajn seminariojn kaj lingvokursojn en diversaj partoj de la mondo. Membro de la Akademio de Esperanto. Katalin en 2001 fondis kaj de tiam redaktas Edukado.net. Ŝi estas organizanto de la KER-ekzamenoj kaj aŭtoro de pluraj Esperanto-lerniloj. Ŝi estas hungarino, loĝanta en Nederlando.



Stefan MacGill estas fama novzelanda esperantisto kaj instruisto, kiu nun loĝas en Hungario. Li estis vic-prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio inter 2013 kaj 2019. Li havas tri filinojn, denaskajn esperantistojn.

Kiel kutime, la kongreso estos plena je amuzaj okazaĵoj, inkluzive de: klasoj de Esperanto je tri niveloj, vespero de teatro kaj muziko, ekskursoj, babilado, ridado, prelegoj pri Esperanto kaj aliaj temoj, jarkunvenoj, amikiĝo, planado.

La unua ero estos vespera renkontiĝo vendredon, la 10an de Januaro. La lasta ero estos matenmanĝo dimanĉon, la 19an de Januaro.

Bonvolu konsulti:

http://aea.esperanto.org.au/kongreso/?lang=eo
pri ĝisdatiĝo de eventoj,

aŭ kontaktu:

Aŭstralio: Heather Heldzingen: info@esperanto.org.au
aŭ +61 (0)3 9525 4295

Nov-Zelando: David Ryan: info@esperanto.org.nz
aŭ +64 (0)21 543 449



# Filipinoj okazigos sian Unuan landan kongreson en aprilo, 2020 en Manila



Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) ĝojas anonci, ke unuafoje en la historio de la nuntempa movado, la Filipina Junulara Kongreso de Esperanto okazos en Manila de la 22a ĝis la 25a de aprilo, 2020.

Tion konfirmis la Loka Kongresa Komitato (LKK), kiun formis kaj prezidas Albert Stalin Garrido. La aliaj anoj estas Carl Dizon, Jubert Cabrezos, kaj Elizabeth Lavadia, ĉiuj membroj de FEJ.

Kun la temo "Esperanto-movado: freŝa komenco en plurkulturaj Filipinoj", la kvartaga kongreso servos unikan kaj grandan rolon unuafoje kunvenigi junajn esperantistojn de diversaj regionoj de la lando. Estos seriozaj sesioj por la filipina movado, sed ankaŭ estos kulturaj programeroj, paroligaj kursoj, porjunulaj programeroj, kaj eĉ ekskurso al historiaj aŭ naturaj partoj de la regiono.

Kvankam temas pri landa junulara kongreso, alilandaj partoprenantoj de ĉiuj aĝoj estos kore invitataj aliĝi kaj partopreni, por interalie konatiĝi kun lokaj esperantistoj kaj doni al ili unikan internacian sperton praktikante la lingvon, kaj ankaŭ por gustumi famajn kaj unikajn erojn de la filipina kulturo per planata bunta programo kaj eĉ per turismado.

La unua aliĝperiodo malfermiĝos en novembro 2019. Alvoko por programproponoj ankaŭ estos lanĉita por doni oportunon al interesiĝantoj, aŭ filipinanoj aŭ alilandanoj, prezenti interesajn kaj valorajn temojn dumkongrese. Alilandanoj, kiuj interesiĝas partopreni aŭ/kaj proponi programerojn estas invitataj anonci sin tiel frue kiel eble.

Por garantii la sukceson de la Kongreso, la LKK ankaŭ kore petas al esperantistoj kaj grupoj finance aŭ materie apogi ĝian organizadon. La eventualaj donacoj al la Kongresa Kaso ne nur certigos ke gravaj eroj de la preparado realiĝu, ili ankaŭ estos uzataj parte por finance helpi junulojn de foraj regionoj de la lando, kiuj havos malfacilaĵojn partopreni pro ekonomiaj kialoj. Bonvolantoj



povas donaci per PayPal aŭ kreditkarto per la jena ligilo: http://bit.ly/fjkdonaci.

Por scii pli da informoj, bonvolu kontakti nin per nia oficiala retadreso :

peyc2020@gmail.com.

Ni filipinaj esperantistoj kore esperas ĝui viglan kaj internacian sperton kun diversaj samideanoj en tiu ĉi historia aranĝo. Ni esperas vidi vin en la unua FJK!

<Komisiono pri Informado, Filipina Esperanto-Junularo>

*Se temas pri filipina landnomo, mi, la redaktoro, principe adoptas la vorton Filipinio, sed en la okazo ke filipinanoj en sia artikolo uzas la vorton Filipinoj por landnomo, mi rekte aperigos ĝin ne korektinte. (Kaŭa)

el la redaktejo

**Ĉiam atendataj** estas:

viaj **raportoj** ne nepre longaj!

Tre sufiĉas konciza raporto, kiam kie kiuj aŭ kiom da homoj kion faris; se eble, estu ankaŭ fotoj kaj komentoj pri la okazaĵoj laŭ vi notindaj.

viaj **anoncoj** ne nepre detalaj!

Tre sufiĉas informi nin pri la retejo kie oni anoncas pri la evento; la redaktanto iele-tiele aranĝos artikolon utiligante tieajn informojn.

viaj **opinioj/proponoj**

Pri azia Esperanto-movado aŭ pri "Esperanto en Azio kaj Oceanio"; taŭgajn opiniojn ni adoptos kaj/aŭ aperigos en tiu ĉi bulteno.

---

La **25-a** de **decembro** estos la limdato de la januara eldono.

---

Kaj atendataj estas viaj **informoj**

eĉ ne ellaboritaj por publikigo; tio multe helpos niajn redaktadon kaj preparadon de la kalendaro de azia Esperanto-movado 2020.

---

Bonvolu sendi al Kaŭa: anatiti.7@gmail.com

## Japanio

### La 106-a Japana Esperanto-Kongreso (JEK-106)
### Atakita de tajfuno tamen okazis mallongigite en duono.

Kiel jam anoncite, la JEK-106 estis planita okazi la 12-14an de oktobro en la urbo Saitama tuj norde de Tokio. Sed tre maloportune, pro la atako de la tajfuno la organizanto Japana Esperanto-Instituto (JEI) decidis ĉesi la okazigon dum la tuta 12-a tago kaj komencis la programon je 15:00 en la 13-a. Rezulte nuligitaj estis kelkaj fakkunsidoj kaj ĉiuj publikaj programeroj: t.e. enkonduka kurso de E, koncerto kun profesiaj kantistoj, du prelegoj kaj simpozio kun la temo pri taskoj de lingvo en mondiĝo. La damaĝo estis fakte granda, sed la LKK kaj la kongresanoj kunlabore okazigis multajn el la programeroj planitaj en la posta periodo kaj revivigis kelkajn el la antaŭa inkluzive du prelegojn memore al la 100-jariĝo de JEI. Fine el 459 aliĝintoj fizike ĉeestis 235 partoprenantoj inkluzive de 31 el 11 alilandoj en la duonperiode mallongigita kongreso. Kaj kun bedaŭro notindas, ke kelkaj eksterlandaj aliĝintoj devis rezigni sian flugon al Japanio; el ili troviĝis s-ino Nguyen Thu Quynh, la oficiala invitito el Vjetnamio, kiu multon preparis por sia prelego en la kongreso.

Ĉi-foje ni lernis gravecon de kriz-administrado kontraŭ natur-katastrofoj videble plimultiĝantaj dum la lasta jardeko en Japanio.



## Venontjare Japana E-Kongreso okazos la 20-22an de septembro en Nagojo!




JEI decidis okazigi la venontan JEK-107-n en la urbo Nagojo situanta preskaŭ meze de Japanio, kun la kongresa temo:
"Sonoru amo kaj saĝo!
— el la meza Japanio —"

## Regionaj kongresoj

Kiel montras ĉi-supra mapo, Japanio ĝenerale dividiĝas en 7 regionoj. Kaj el ili 6 havas Ligon de Esperanto-grupoj, kiu ĉiujare organizas sian propran kongreson en la monato surmape indikita. Kaj ankaŭ en unu sola escepta regiono Tyūbu ĉiujare okazas kongreso por ĝia suda marborda zono Tōkai, kies centra urbo Nagojo(Nagoya) invitis la sekvantan Japanan E-Kongreson. Jen sekvos raportoj de ĉi-jaraj regionaj kongresoj.

**[ Hokkaidō ]** la 2an kaj 4an de **novembro** en la urbo Sapporo
La 83-a Hokkajda Kongreso de Esperanto efektive kun 26 ĉeestantoj

**[ Tōhoku ]** La 26-27an de **oktobro** en la urbo Hukusima
La 60-a Tōhoku-Kongreso de Esperanto okazis en ban-gastejo situanta en la fama banurbo Iizaka. Kaj ĝin efektive ĉeestis 26 el 57 aliĝintoj. Kaj 18 el 31 moralaj partoprenantoj estis loĝantoj ekstere de Tōhoku; ili eble volontus subteni la agadon de Tōhoku, la loko de la Granda Tertremo en 2011, sed ankaŭ estas alia fakto, ke Tōhoku-Kongreso akiris reputacion inter japanaj e-istoj pro sia varma kaj familieca atmosfero. Ankaŭ ĉi-jare 15 tōhoku-anoj kaj 11 eksterregionanoj kune ĝuis kaj seriozajn kaj amuzajn programerojn ĝis malfrua vespero.



**[ Tōkai (Tyūbu) ]** La 26an de **oktobro** en la urbo Nagojo, Aiĉi la 68-a Esperanta Kongreso de Tokaj okazis kun 19 partoprenantoj. Tie ili spertis skajpan renkontiĝon kun 10 membroj de la Esperano-grupo de Remso (Francio), kiu estas ĝemela urbo de Nagojo.

**[ Kansai]** la 1-2an de **junio** en la urbo Uĵi, Kioto

Kansajo (Kansai) havas la urbojn Kioto, Oosaka, Koobe, Nara kc.

En la 1-a kaj la 2-a de junio, 2019, ni havis la 67-an Kongreson de Esperantistoj en Kansajo en la urbo Uĵi. Partoprenis 179 personoj inkluzive 47 moralajn (ne fizike ĉeestantajn) aliĝintojn.

En la kongreso okazis 4 prelegoj kaj 7 fakaj kunsidoj. 3 el la prelegoj estis japanlingvaj, ĉar ilin ni havis en la kadro de publika programo. Ne mankis ankaŭ programero por amuziĝi, en kiu oni prezentis noan komedion kaj japanan dancon ktp.

Inter partoprenantoj troviĝis britoj, polo, svedo, vjetnamo kaj israelano. Dank' al ili la kongreso havis internacian etoson.
(raportas: s-ino Aikawa Setuko)





**[ Tyūgoku-Sikoku ]**
La 26-27an de **oktobro** en la urbo Kotohira okazis la 20-a Esperanto-Kongreso de Tyūgoku kaj Sikoku. Kaj ĝi havis entute 63 parto-prenantojn inkluzive de 6 moralaj kaj 6 eksterlandaj



(belga, franca, hispana, korea kaj pola), plie ankaŭ 1 ne-esperantista preleganto kaj 1 raportisto de NHK (Japana Brodkasta Korporacio). La detalaj raportoj legeblas (bedaŭrinde nur japanlingve) ĉe: http://koki.o.oo7.jp/2019_informilo.htm

**[ Kyūsyū ]** La 18-19an de **majo** en la urbo Miyazaki

La 93a Kongreso de Esperantistoj en Kjuŝu okazis kaj ĝin partoprenis 44 homoj inkluzive 17 moralajn.

En la 18a 7 homoj ekskuris al Jaŝiro, Eda k.t.p. Kaj vespere en la bankedo 18 homoj ĉeestis kaj trinkis kaj babilis.




En la 19a komence lokaj societoj parolis pri la temo "Obstine Antaŭen". Poste s-ro Hori Jasuo prelegis pri la temo "Per Esperanto ŝanĝu vin, ŝanĝu la movadon kaj ŝanĝu la mondon ". Post tagmanĝo kiel prelego 2 s-ro Ho Song el Koreio parolis esperante pri la temo "Praktiku Esperanton ofte, kutime kaj internacie por esti posedanto de la lingvo! ".

En 2020 okazos la 94a Kongreso en Fukuoka.

(raportas: s-ro Masaaki KONDO)

*El la raportoj de Japanio la redaktoro mem preparis tiujn al kiuj mankas la nomo de raportanto, kaj tie la loknomoj estas skribitaj laŭ la Japan-stila latinskriba sistemo escepte de tiuj en la kongresaj propraj nomoj.

## Koreio

1. **KEA** (Korea Esperanto-Asocio) lastatempe **aĉetis novan oficejon**, kiu situas en la centro de Seulo proksime de la subtera stacidomo Chungmuro. KEA havas planon renovigi la oficejon de KEA kiel unu el la projektoj de 100-jara jubileo de KEA. La nova oficejo ekfunkcios aprile en la jaro 2020.

2. Koreaj te-amantaj esperantistoj fondos korean filion de TEO (Teamanta Esperantista Organizo). Tiuj, kiuj ŝatas trinki teon, kolektiĝos en la fondkunsido, kiu okazos en la 51-a Korea Kongreso de Esperanto (2019.10.5.-6).

3. Korea Esperanto-Junularo organizos la 38-an Komunan Seminarion (Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj) en Koreio en 2020.

Por sukcesigi tion KEJ kunsidis kun la antaŭuloj de KS dum 1 nokto kaj 2 tagoj, kaj interŝanĝis diversajn opiniojn sub la temo 'Komune Seminarion'. Dum la kunsido la 17 ĉeestantoj diskutis por sukcesa okazigo de la KS en Koreio. Ili deziris, ke la kunsido estu bona ŝanco por kunigi la fortojn de antaŭuloj kaj posteuloj de KS.

4. Esperantista Asocio de Ŭonbulismo (EAŬ) ekhavis Esperanto-kurson de la 24-a de septembro, 2020, por ŭonbulanoj en la templo de Jungku, kiu sidas en la centro de Seulo. La kursgvidanto de la kurso estas s-ro Lee Jungkee kun la celo, ke la kunsido fariĝu la motivo kunigi la fortojn de antaŭuloj kaj posteuloj de KS.

5. La 51-a Korea Kongreso okazis de la 5a ĝis la 6a de oktobro en urbo Jinju suda parto de Seulo kun la temo "Kion ni faru okaze de la 100-jara jubileo". La partoprenantoj estas 129 personoj inkluzive de 19 alilandanoj. En la kongreso elektiĝis novaj estraranoj de KEA kaj d-ro So Jinsu kiel prezidanto.



## La novaj estraranoj de Korea Esperanto-Asocio:

◇So Jinsu (Prezidanto)
◇Kang Hongu (Ĝenerala skretario)
◇vicprezidantoj: Kang Byounghun (Organizo), Gim Inhong (Internacia rilato), Oh Soonmo (Ĝeneralaj Aferoj), Jeong HyunJu (Financo)
◇estraranoj: Han Sugheui, Jeong Hoejeong, Chang Youngeun, Eom Milyeon, Lee Nam Haeng, Yi Yongcheol, Choe Jeongcheol, Lee Hyonsuk, Choi Yusik, Kim Ju, Choi Chung Uk, Yu Young-ae, Kim Yongjin

(Raportas: s-ino Oh Soonmo, Vicprezidanto de KEA)

landaj agadoj – Sud-Orienta Azio

## Vjetnamio

**INFORMO EL HANOJO**

Tuj post brila sukceso de la 9a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto en DANANG en majo 2019, VEA daŭrigas sian agadon laŭ spirito de jarplano en restaj monatoj de la jaro 2019. En du E-centroj de la lando (HO CHI MINH kaj HANOJO) la E-movado ŝajne ne trankviliĝas, sed vigliĝas.

Partoprenante la ceremonion okaze de 30-jara fondiĝo de HO CHI MINH UNIO de AMIKECAJ ORGANIZOJ, HO CHI MINH E-ASOCIO kontribuis per du kantoj "La printempo en HO CHI MINH" kaj "Grandigu nian rondon", unu el ili per Esperanto, kaj gajnis Konsol-premion. Ĉiumonate esperantistoj en HO CHI MINH grupiĝas en la domo de E-asocio TRAN QUAN NGOC, ili interparolis, diskutis, praktikis Esperanton kaj gastigis eksterlandajn E-amikojn vizitintajn la urbon HO CHI MINH.



Ankaŭ en Julio, grupo da Vjetnamaj esperantistoj vojaĝis por kongresi en UK kaj IJK. Du Vjetnamaj junulinoj denove estis elektitaj kiel vicprezidanto kaj kasisto de TEJO.

Okaze de la ceremonio de la 20-jara memoriga festo de la urbo, HANOJO estis honore atestita kiel URBO POR PACO, kaj multaj esperantistoj de HANEA kun verda flago partoprenis en manifesto ĉe centro de HANOJO. Por prepari la 2-an Danckantan Festivalon en novembro organizotan de Hanoja Unio de Amikecaj Organizoj kun temo PACA MELODIO, ĉiuj membroj de E-societoj kaj kluboj de HANEA diligente trejnadas sin en kantado kaj dancado celante al plej alta sukceso de artprogramo. Samtempe laŭkutime por la bilanco de E-asocio en la jaro 2019, oni elektis plej aktivajn membrojn en E-movado por honorigi kaj doni atestilojn dum bilanco-ceremonio. En ĉiuj kunvenoj, unu la aliajn esperantistoj konsilis, kuraĝigis por partopreni en internacia legkonkurso SUMOO, kie Vjetnamio ofte staras je la 8a, 9a rango el pli ol 30 landoj en SUMOO-legkonkurso.

(raportas: s-ro HA NGUYEN)






## Indonezio

### Enkonduko de Esperanto en la Nacia Biblioteko

Okaze de ĉi-jara agado de nacia biblioteko ‘Perpusnas Expo 2019’ ekde la 5a ĝis la 22a de Septembro, nia asocio, Indonezia Esperanto-Asocio (IEA) estis invitita por prezenti Esperanton al la membroj kaj vizitantoj de biblioteko. Dum 12 tagoj ni havis budon kaj aranĝis Esperanto-enkondukon per diversaj programoj por montri la utilecon de Esperanto en muziko, filmo, libroj kaj tiel plu.



La budo komenciĝis je la 11a de septembro en la 4a etaĝo en la nova konstruaĵo de nacia biblioteko. Ni ĉiutage ekde la 9a horo matene ĝis la 3a post-tagmeze, bonvenigis vizitantojn kiuj proksimiĝis al nia budo kaj demandis ion ajn pri Esperanto kaj la movado. La estraranoj de IEA, Victor kaj Ilia Dewi enkondukis pri Esperanto kaj foje iom instruis la bazan gramatikon al la vizitantoj kiuj entuziasme petis tion. Ni ankaŭ disdonis la flugfolion kiu enhavas mallongan informon pri Esperanto kaj kiel kontakti nian asocion.

En la budo ni prezentis esperantajn librojn, t.e. lernolibroj, tradukitaj libroj, romanoj, vortaroj kaj revuoj. Unu el gravaj libroj estas verkita de Heidi Goes kiu enhavas la historian periodon de Esperanto-movado en Indonezio. Tiu libro eldoniĝis ĉijare post la longa eksplorado de ŝi en nia lando.

Plejparte da vizitantoj neniam aŭdis pri Esperanto kaj pri la fakto ke ĝi iam ekzistis en Indonezio antaŭ multaj jaroj inter 1920 – 1965. Tiuj, kiuj venis al la budo, ne nur aŭskultis multe da informoj pri Esperanto sed ankaŭ ricevis donaceton disponigitan por tiuj kiuj montris la intereson.

Laŭ la listo de vizitantoj, ni rimarkis ke plejparte estis studentoj aŭ lernantoj kaj cetere estis instruistoj kaj aliaj profesiuloj.




En la 15a de Septembro ni aranĝis la Esperanto-enkondukon "Serba-Serbi Esperanto" kiu estas parto de nia agado en la nacia biblioteko. Al ĝi aliĝis 136 homoj kaj reale 75 homoj partoprenis la tuttagan programon. Je la 10a horo matene Ilia Dewi, la prezidanto de IEA, malfermis la aranĝon per salutvortoj kaj komencis la prelegon pri Esperanto kaj la movado. Due en la unua sesio Victor prelegis pri Esperanto kiu estas simila al indonezia lingvo. Li malkovris la funkcion de Esperanto kiel 'pontlingvo' inter homoj de diversaj naciecoj ekzakte same kiel la indonezia. En Indonezio ekzistas preskaŭ 700 etnaj lingvoj pro la diverseco de etnaj grupoj. Tiel ambaŭ lingvoj havas la saman rolon por unuigi la diversajn homojn. Poste du junulinoj prezentis la agadon de junulara movado sub la tegmento de IEJO (Indonezia Esperanto-Junulara Organizo). Antaŭ la paŭzo de la unua sesio, la ĉeestantoj havis ŝancon por demandi aŭ prezenti sian opinion pri la prelegoj.

Dum la paŭzo, ni prezentis mallogan filmeton pri Esperanto kaj la muzikon de JoMo, Jonny M, Perdita Generacio kaj aliaj. En la dua sesio La belga esperantistino, Heidi Goes, prezentis sian libron "Movadaj Insuletoj" per videaĵo. Ŝi malkovris la historion de Indonezia movado. En tiu ĉi sesio ankaŭ la membro de IEA, Arman Yusuf, kontribuis per sia rakonto. Li estis intervjuita pri la propedeŭtika valoro de Esperanto. Li rakontis ke Esperanto faciligas sian lernadon de fremdaj lingvoj kiel la japana kaj la tajlanda.

Sekvante la ĉeestantoj iom lernis la bazan gramatikon de Esperanto. Sub la gvido de Ilia Dewi ili lernis kiel elparoli la alfabeton, vortojn, ĉiferojn kaj kreis simplajn frazojn. La lasta prelego estis prezentita de la indonezia verkisto, Yohanes Manhitu, en videaĵo pri libroj kiujn li verkis en Esperanto kaj en aliaj fremdaj lingvoj, ĉar li ne povis fizike ĉeesti. Antaŭ la fino de la aranĝo, ni amuziĝis per ludoj kaj disdonis la premiojn al la gajnintoj. La aranĝo finiĝis je la 4a horo vespere per dankaj vortoj al la fukciulo de la

nacia biblioteko kiu donis al nia asocio la grandan ŝancon partopreni la eventon.

Konsiderante la sukcesan aranĝon en la nacia biblioteko, ni pripensas daŭrigi la kunlaboron, ekzemple starigi la angulon de Esperanto aŭ proponi Esperanto-kurson al la membroj de biblioteko. Ni raportos la progreson.

Ilia Sumilfia Dewi <ilia.dewi@gmail.com> kaj
Victor <het.ouwe.testament@gmail.com>

(raportas: s-ino Ilia Sumilfia Dewi)






## Barato

### Enkonduka sesio pri Esperanto en la Universitato "Savitribai Phule Pune"




Je la sabato, 21 Septembro, 2019, matene ĉ. 8.30 atm okazis Esperanta enkonduka sesio kun la novaj studentoj de universitato "Savitribai Phule Pune University". Ĉiuj studentoj venis por la sesio frumatene kaj aŭskultis kun intereso.



Savitribai Phule Pune Universitato estas fama universitato en la gubernio Maharaŝtro kaj ankaŭ en Barato. Antaŭe tiu ĉi universitato nomiĝis Universitato de Puneo (Puneo estas unu el la grandaj urboj de la gubernio Maharaŝtro). La universitato estas fondita en la jaro 1949, kaj la kampusa landspaco estas 411 akreoj. La universitato ankaŭ havas 43 akademiajn departementojn.

Plie oni povas lerni pri universitato en la vikipedia paĝo:
https://en.wikipedia.org/wiki/Savitribai_Phule_Pune_University

Naga Siva Kumar Kotha (Ŝivao - Ĝenerala sekretario de Federacio Esperanto de Barato) gvidis kaj enkondukis al la studentoj pri Esperanto en la hindia kaj angla lingvoj. Ĉiuj studentoj vere interesiĝis aŭdi pri la koncepto de kreitaj lingvoj kiujn oni uzas por paroli kaj interkomuniki. Estis ĉ. 150 studentoj kiuj aliĝis al la universitato por siaj magistraj kursoj en komerco. Espereble multaj el ili ankaŭ estos esperantistoj.

3 studentoj demandis kaj diskutis pri influo de Esperanto en la normala vivo:

La demandoj estis tiel:

1) Kial mi diras ke li lernu Esperanton?

2) Se iu ne lernas lingvon, al tiu person mankos la kulturo de tiu lingvo. Do kial tiu propono por lerni Esperanton?

3) Ankaŭ angla lingvo estas la internacia lingvo. Do kial Esperanto?

Mi respondis al tiuj 3 demandoj kun mia sperto de Esperanta etoso kaj ili tuje akceptis la respondojn.

(raportas: s-ro Naga Siva Kotha)

# Irano

1. La 7-a Irana Esperanto-Kongreso temas pri long-daŭra turismo kaj okazos en Tehrano je la 16a ĝis la 18a de aprilo 2020.

Eksterlandanoj estas aparte invitataj partopreni.
https://www.espero.ir/eo/Info@espero.ir

Irana Esperanto-Asocio
Unu el La Plej Grandaj Asocioj de Esperanto en Mezoriento

Se Vi Deziras Sperti La Iranan Gastamon? Prenu Vian Valizon Kaj Venu al Ni Ni Ĉiuj Atendas Vin :)

Multe da Turismaj Allogoj Kaj Aliaj Interesaj Aferoj Farendaj en IRANO

Venonta Kunveno:
LA 7-A IRANA KONGRESO DE ESPERANTO

Pliaj informoj
Kaj vojaĝo al Irano
www.espero.ir
Info@espero.ir




2. Daŭrigi Esperanto-kurson en Allame Tabataba'i Universitato (ATU) en Tehrano per inĝ. Ahmadreza Mamuduhi. Dum por instruado de aliaj lingvoj en la Lingvo-instrua Centro de ATU ekzistas ĉirkaŭ 20 gradigitaj kursoj (ekz-e 21 hierarkiaj kursoj por la angla), lernigado de Esperanto, kiel menciite en la reklamoj kaj ene de la fakultato kaj en ties ciferaj informiloj, okazas nur tra tri niveloj: Baza, meza kaj progresiga.

Alia agado estas reklamado pri instruado de Esperanto antaŭ instruado de aliaj 10 lingvoj, por utiligi la propedeŭtikan rolon de Esperanto en la Lingvo-instrua Centro de ATU.

3. Daŭrigo de la monataj prelegoj en la IREA-oficejo; kiuj okazas en la unua dimanĉo de ĉiu monato laŭ irana kalendaro.






4. Lernolibro "Rekta metodo" de s-ro Stano Marĉek tradukita en persan lingvon per Irana-Nederlanda esperantisto s-ro Said Balouchi kaj per IREA estas presita.

5. Finfine ni komencis Esperanto-Podkaston en Irano.

La podkasto estas en la persa kaj Esperanto kaj ĝis nun du numeroj estas eldonitaj.

6. Esperanto-kurso per la klopo- doj de s-ro Akbar Sedaghat estas okazanta en la Rasht-urbo kaj ĉirkaŭ dudek gelernantoj partoprenas en ĉiu klaso.

(raportas: s-ro Hamid Babadi Akasheh)



- speciala kontribuo de d-ro SO Gilsu kaj s-ino YI Ungum -

# la vojaĝo en Meza Azio kaj Esperanto, 2019

**la 30a de septembro ~ 21a de oktobro(22 tagoj)**




Ⅰ. Kazaĥio : sep. 30 ~ okt. 2.

Ⅱ. Taĝikio : okt. 2 ~ okt. 4.

Ⅲ. Uzbekio : okt. 4 ~ okt. 12

Ⅳ. Turkmenio : okt. 12 ~ okt. 16.

Ⅴ. Kirgizio. : okt. 17 ~ okt. 20

## Ⅰ. Kazaĥio

### 1. sola movademulo en Kazaĥio, s-ro Advokato

Antaŭ la vizito mi provis kontakti esperantistojn en Kazaĥio, sed kontakteblis nur s-ro Vyacheslav Nstredinov, kiu partoprenis en UK Seula. Tiam s-ro Vyacheslav, la advokato partoprenis en mia programo de Internacia Konferenco pri Korea unuiĝo.




kun verda standardo advokato kaj mi

La 1-an de oktobro matene li vizitis mian hotelon sola. Kvankam li telefonis al aliaj 2 esperantistoj, **s-ro Valeryj Khramov** kaj **s-ino Dina Lukyanec** pri mia alveno, ilin mi fine ne povis renkonti. Li loĝas en la urbo Shymkent, la 3-a urbo de Uzbekio, kaj trajnveturis nokte 10.5 horojn nur por renkonti min.

Li donacis al mi grandan libron pri Kazaĥio, kaj mi transdonis al li la verdan flagon, donitan de prof. SO Jinsu (ne SO Gilsu), estrarano de UEA pri azia movado, mi donacis ege malgrandajn E-libretojn.

## 2. perfekta ĉiĉerono en la urbo

Li estis perfekta ĉiĉerono en la urbo, ĉar li elgradiĝis 2 universitatojn en la urbo. Li helpis ŝanĝi monon, tuj vokis taksion per speciala aplikaĵo, kaj plie grande helpis kontakti lokan specialiston pri arkeologio, kio estis mia ĉefa celo viziti la muzeon.



ĉe la arkeologia muzeo de la Akademio




ĉe la Akademia Instituto

## 3. nuna stato kaj estonteco de nia movado en Kazaĥio

Posttagmeze en hotelo Vyachelslav kaj mi serioze interparolis pri la estonta E-movado en Kazaĥio.

Nun troviĝas izolitaj tamen spertaj esperantistoj en kelkaj lokoj.

-1. ĉefurbo Nur-Sultan : (1) s-ino Shopan Sapargali: Ŝi aktivis ĝis kiam ŝi translokiĝis al Nur-Sultan de Almaty.

-2. historia urbo Almaty : (2) s-ro Valeriy Khramov (3) s-ino Dina Lukjanec (4) ŝia filo (5) iu nekonata studento, kiu memlernis Esperanton kaj eĉ instruis al aliaj studentoj. Krome mi konis (6) prof-ino Abaga Akerke, kiu lernis Esperanton de Luna, kaj partoprenis en UK Seula.

-3. la 3-a urbo Shimkent:
(7) s-ro Vyacheslav Nstredinov(★**s-ro Advokato**)

-4. Usty Komenogorsk : (8) s-ino Svetlana Biryukova(fotisto)
(9) Yelena Birykov(ŝia filino)

-5. Uralysk : (10) s-ino Mayra Baradosova.

La motoro revigligi nian movadon en la lando estas Advokato Vyacheslav. Kvankam troviĝas ne malmultaj spertaj esperantistoj, mankas movademulo, kaj mi konvinkiĝis, ke sola movademulo estas advokato Vyacheslav, kiu havas konekton kun ĉiuj aliaj. Jen kelkaj frazoj el nia koversacio:

[So] Gravas okazigi E-kursojn en grandaj 3 urboj.
[Vyacheslav] Mi bone komprenas tion, kaj mi klopodos okazigi kursojn en la urboj.
[S] Sed mankas memvolaj kursogvidantoj en ĉefurbo kaj Almaty.
[V] Mi mem povas iri al la urbo por gvidi E-kursojn.
[S] Mi rekomendas unue vin iĝi la delegito de UEA, por ke ali- landanoj kontaktu vin, kaj eblus aligi aliajn spertulojn.
[V] Mi tion klopodos fari.
[S] Por oficiale agadi en via lando, necesas fondi Asocion kaj registriĝi al registaro.
[V] Mi pensas, ke mi estas kompetenta por tio, ĉar mi estas advokato.
[S] Kunlaboru kun Uzbeka Esperanto-Asocio, kiu lastjare oficiale registriĝis, kaj la najbara lando nun havas plej fortan movadon.
[V] Mi certe tiel faros. De mia urbo al Tashkent(ĉefurbo de Uzbekio) ekzistas regula aŭtobuso, kiu bezonas nur 2 horojn. Mi jam konas, ke vi havos kunsidon en Tashkent, mi klopodos partopreni tion en la urbo por interkonsiliĝo de kunlaboro.



**4. la ekpaŝo de nia movado en KazaĤio**.

Mi telefonis prof-inon de Korea lingvo Abaga Akerke de ŝtata universitato, kaj demandis, ĉu ŝi povas aranĝi la kurson en la universitato. Ŝi timis gvidi kurson, ĉar ŝi estas komencanto, kaj mi diris, ke la Advokato, kun kiu ŝi jam konatiĝis en Seula UK, estas preta gvidi la kurson. Fine ŝi jesis kunlabori kun la advokato.

P.S. La advokato kiel promesite vizitis najbaran landon Uzbekio por rerenkonti min, sed bedaŭrinde li ankaŭ mislegis mian tagordon, ĉar mia tagordo havis problemon: <8> oktobro 7(lundo) Tashkent), kaj li vizitis en 8a tago(mardo). Li tamen havis bonan tempon kun Gafur interparoli pri la estonta kunlaboro.

Gafur sendis la konfirman foton (la dekstra) post 2 tagoj.



## Ⅱ. Taĝikio, Dushanbe.

La 2-an de oktobro, mi flugis al Dushanbe, Taĝikio tra la ĉiela silkvojo laŭ la ŝvebanta montaro.



### 1. la malnova amiko post 30 jaroj.

Min akceptis malnova amiko Firdaus, kun kiu mi jam konatiĝis en januaro de 1990 en Moskvo.

Tiam mi estis estrarano de UEA pri azia afero, kaj vojaĝis Siberion kaj 6 Orientajn Eŭroplandojn (mi verkis 3 librojn pri la vojaĝo). Firdaus invitis min al Taĝikio, sed mi ne havis tempon aparte viziti lian landon, kaj kio okazis? Firdaus mem flugis de Dushanbe al Moskvo nur por renkonti min. Tiam ni ambaŭ estis 40-jaraj junuloj energiaj kaj aktivaj. Mi invitis lin al Koreio 1995, ĉar li estis vere vivanta movado en lia lando. Ni refoje renkontiĝis en Bangalora Azia Kongreso, kaj la korespondado daŭris senĉese.



de dekstro la 1-a SO Gilsu, la 3-a Firdaus (1990)

Sed nun post 30 jaroj, ni atingis la finan sezonon de la vivo. Ni ambaŭ ridetis je mia diro “ni ambaŭ fariĝis maljunaj.”

Mia malnova amiko Firdaus diris sian nunan sanstaton:

“lastatempe mi estis operaciita je okuloj, kaj tiam mi estis anestizita je tuta korpo, kio kaŭzis iom da perdo de mia memorkapablo.”



**2. unua kunsido kun esperantistoj.**




En la kunsido(3a de okt.) venis 3 esperantistoj, 2 komencantinoj, Lyudmila kaj Antonova kaj prof. Saidmurod, kiu instruas filologon en pedagogia universitato. Prof. Saidmurod aparte lernis Esperanton en Pollando dum 3 monatoj, kaj partoprenis internacian E-kunsidon en Turkio, sed amiko Firdaus ege bedaŭris, ke li tute ne havas intereson pri la movado. Laŭ la aĝo kaj kapablo, li estas kompetenta heredanto de la movado en Taĝikio, sed Firdaus ne plu havis la esperon de li pri la movadumo.

Antonova Svetlana, instruistino pri pentrarto estas E-amanto. Lydmila Nazrova, emerito de scienca akademio, ankoraŭ laboras en la biblioteko de la akademio kaj tre entuziasme klopodis praktiki Esperanton, kvankam ŝi estas vere komencanto. Nia konverscio rilatis al diversaj temoj.

[SO] Komencantoj devas laŭeble multe aŭdi bonan sonbendon.
[Fir] Por tio mi devas pruntedoni ankaŭ sonbendigilon, sed mi ankaŭ bezonas tion.
[SO] En Koreio, oni kune lernas per Kakaotalk de mantelefonilo.
[Rud] Ni ne havas tian sistemon. Mia telefonilo funkcias nur por telefonado kaj fotado.

Oni diras, ke Taĝikio vendas elektron al alia lando, sed pro la sinsekvaj politikaj kaosoj, la vivo de la popolo terure disfalis. Antonova honeste diris: “Mia salajro estas 40 dolaroj.”

Kiam ni adiaŭis, mia malnova amiko diris:

“Tre multekoste estas uzi interreton hejme, kaj mi devas viziti Sciencan Akademion, kie mi laboris, aŭ bibliotekon por legi retpoŝtojn. Komprenu eĉ kiam mia respondo malfruus.”

**3. dua kunsido kun esperantistoj.**

En la kunsido (4a de okt.) partoprenis novaj 2 esperantistoj. S-ro Faizullaev Jamshed (naskita en 1947, amiko de Firdaus en sama laborejo), kiu kapablas konversacii en Esperanto. La plej atendata estis s-ro Nazirov Shahriyor, juna naskita en 1995, kiu speciale studis francan fonetikon en universitato, kaj nun instruisto kaj studento en magistriĝa kurso. Kvankam li preskaŭ ne praktikis post la lerno de Esperanto antaŭ 2 jaroj, li komprenis sufiĉe bone miajn diraĵojn. Li promesis entuziasme studi kaj instrui Esperanton cele al la partopreno en Azia Kongreso en Busan, Koreio en 2022. Li estas vere sola espero en Taĝikio.



maldekstre Nazirov (juna), Faizullaev (virina) kaj afiŝo de 100-jara jubileo

**4. konversacio kun malnova amiko pri nia movado.**

“Mi dum la tuta vivo klopodis por nia movado, sed nun la rezulto ne estas kontenta. Kaj nun mi jam estas tro maljuna. Ni bezonas minimume 3 bonajn parolantojn, kiuj povas akcepti eksterlandanojn, ĉiĉeroni vidindajn lokojn en venontjara Mezazia Kunveno, sed eĉ tio malfacilas.”



“Mi faris diversajn manierojn por disvastigi Esperanton. Inviti eksterlandajn kursgvidantojn ankaŭ estis ne tiel efike.”

“Ni okazigis internacian E-tendaron, en kiu pli ol 200 anoj partoprenis, sed post tio eĉ stagnis nia movado.”

“Mi aŭdis, ke UzEA ne povas okazigi Mezazian Kunvenon, kaj tial mi ne povis ne akcepti la taskon de MAK-2020, se Uzbekia samideano okazigus Mezazian Kongreson, mi estas preta kun plezuro subteni tion.”

Mi esperas, ke mia malnova amiko resaniĝu baldaŭ, kaj juna esperantisto heredu lian grandan laboron por nia movado en Taĝikio.

## Ⅲ. Uzbekio (1) Tashkent



Mi vizitis urbon Termez, la sudo de Uzbekio, de tiu urbo mi nokte trajnveturis al Tashkent, la ĉefurbo de Uzbekio.

### 1. revenis malnova amiko Gafur en Tashkent (la 6-an de okt.)

Kiam mia trajno el Termez alvenis matene al la stacidomo Tashkent, malnova amiko Gafur atendis min kun sia filo, kiu afable veturigis min dum la tuta restado en la urbo. Kiam li ekvidis min, li kriis "vi promesis veni al mia lando kun via filo antaŭ 25 jaroj, kaj apenaŭ nun vi fine venis al Uzbekio."

Kiam mi estis estrarano de UEA, mi havis projekton inviti aziajn esperantistojn al Seula UK 1994 el 12 aziaj nepagipovaj landoj, el kiuj Gafur estis reprezentanto de Uzbekio. (en la foto la plej dekstre staras Gafur kun ruĝa ĉemizo, kaj juna mi, je la 3-a de maldekstro.)



en kongresejo Hotelo Walker Hill, Seula UK, 1994

Post 25 jaroj ni rerenkontiĝis en lia hejmlando, kaj eksciis, ke li estis for de nia movado dum 20 jaroj pro la sama kialo kiel mi. Mi estis plene okupita de la studo kaj administrado de la instituto de Koguri-Historio, dum li estis okupita por fariĝi kantisto de nacia merito.



Maldekstre vi vidas lian ensemblon. En la rondo de dancistinoj kaj muzikistoj, staras du nacie meritaj kantistoj, kaj maldekstre staranta sen muzikilo estas Gafur.

Bonŝance li estis 12 jarojn pli juna ol mi, kaj fine revenis al nia movado. Li fondis Uzbekian Esperanto-Asocion (registrita organizo de ŝtato) ĝuste en la lasta jaro, kaj nun klopodas firmigi la bazon de la asocio.

**2. konversacio kun estrara grupo de UzEA (la 6-an de okt.)**

Posttagmeze mi vizitis Nacian Muzeon, kaj vespere ni interparolis pri la movado de UzEA. La motoro de nova Asocio por fondo, registro, kurso estas la triopo.



1) Gafur (prezidanto)
2) Espero (Umid, la filo de Gafur) : komercisto
3) Dima (koredevena, PAK Dimitriy): entreprenisto pri endoma desegnado.

★ Nun 13 plenaĝuloj lernas Esperanton de Gafur inkluzive 2 kunlaborantojn (Espero kaj Dima). Finis la kursojn en mezlernejo kaj universitato.

★ **<u>UzEA planas Mezazian Esperanto-Renkontiĝon(MER)</u>** en aŭgusto aŭ oktobro.

UzEA jam petis permeson de registaro, kio oficiale necesas por internacia kunveno.

Ili provizore planis jene :

・Mezazia Esperanto-renkontiĝo,
・kiam : la 15~20-an de aŭgusto,
・kie : Charvak oromgohi (belega lago).

Mi konsilis eviti varmegan sezonon, kaj rekomendis okazigi en Tashkent ktp.

(1) La rekontiĝo estu la okazo diskonigi Esperanton al publiko, por kio ĝi devas okazi en aŭ ĉirkaŭ ĉefurbo.
(2) La programo helpu altigon de lingvokapablo de la membroj mem, por kio la loko devas esti proksima aŭ en ĉefurbo, por ke membroj facile partoprenu.
(3) En la programo estu la kurso por komencantoj kaj neesperantistoj.
(4) Aliĝokosto devas esti malalta por lokaj membroj.

Mi rekomendis ankaŭ strebi aliĝon de UzEA al UEA.



demaldekstre 1–a Pak, 2–a Espero

### 3. intervjuo de Uzreport TV (la 7-an de okt.)

Gafur plene utiligas eksterlandajn esperantistojn por diskonigi nian lingvon.
1) la intervjuo al Seshimo Masaya (japano) de "Dunyo bo'ylab (Laŭ la Mondo) "
⇒ https://cloud.mail.ru/stock/imrnKaAohieMJZeWCt88AKNc
2) la intervjuo al SO Gilsu de "Uzreport (Uzbekia Report) - (la 7-an de okt.)
3) la diskuto pri la historio inter Uzbekio kaj Koreio de "Historia Kanalo" - (la 8-an de okt.)

Mi tamen ne povis realigi la gravan programeron pri historio, ĉar la 8an de oktobro mi jam devis matene forlasi Tashkent. Post kiam mi alvenis, Gafur eksciis, ke li mislegis mian vojaĝplanon.

La intervjuo de Uzreport tamen tre bone progresis. Komence raportistino volis intervjui en angla lingvo, sed mi akcentis la idealon de Esperanto “en sia lando per sia nacia lingvo, en internacia rilato per Esperanto”, kaj ŝi demandis en Uzbeka, kaj mi en Esperanto kun bonega interpreto de Gafur. Pro la tradukado la intervjuo daŭris pli malpli unu horon.

Notindas, ke la studio (nomata Arta Salono) de la intervjuo ne apartenas al TV-kompanio, sed al s-ro Pak, estrarano de UzEA, kiu okupiĝas je la entreprenado de endoma dekoracio. La salono estas uzata kiam ajn por E-kurso kaj kunsido. Bona kaj bela salono en urbocentro por nia movado.

★ la rezulto : https://www.youtube.com/watch?v=SIddnz4BNW8





kun raportistino kaj produktisto. Gafur + 2 filoj kaj ni

**4. verda familio (la 7-an de okt.)**

Ni havis tempon ĝis la vespera kunsido, kaj vizitis la hejmon de Gafur.

“Mi havas 1 filon kaj 2 filinojn de la unua edzino, kaj ili jam ĉiuj geedziĝis. antaŭ 9 jaroj mi refoje edziĝis je la nuna juna edzino, kaj havas 7-jaran filinon kaj 4-jaran filon.



La nova familio ekis lerni Esperanton. Juna edzino, Esperanto-parolanto asistas sian edzon je diversaj komputilaj laboroj kaj aliaj por Esperanto-movado. Fileto ĉiam akompanas sian paĉjon, kaj alkutimiĝas al Esperanto-vivo kaj muziko-vivo.

**5. oficiala kunsido (la 7-an de okt.)**

Vespere je la 7-a amasiĝis gravaj personoj en la studio. Gafur ekkonatigis la partoprenantojn:

"Li studis kune kun mi en Arta Universitato, kaj la amiko fariĝis la profesoro instruanta aktoroarton dum mi fariĝis kantisto."

"Tiu ĉi amiko estas la partnero de sama ensemblo. Li hodiaŭ venis por kune kanti. Li mem komponas, kantas kaj muzikas. Li ankaŭ ricevis saman titolon kiel mi la 'kantisto de nacia merito".

"Li estis la aktoro de ŝtata brodkastejo, en kiu mi mem laboris. Li nun rolas kiel alta stabo. Li estas mia disĉiplo."

"Mi volas fari ilin 'Esperanto-subtenantoj'. Okaze de la vizito de fama esperantisto mi volas doni al ili bonan impreson pri Esperanto."

**1) bankedo**

Unua programero estis bankedo en la ĝardeno de la kompanio.



**2) altnivela koncerto**





La harmonia kanto de Gafur kun siaj amikoj.

**3) ceremonio**

Mi oficiale transdonis verdan standardon, kiun prof. SO Jinsu, nuna estrarano de UEA sendis al UzEA.




"La verda koloro simbolas pacon, kaj la stelo esperon".

Ĉiuj partoprenantoj kunsentis mian klarigon pri la verda standardo.

Mi ankaŭ donacis libretojn “la sindonema arbo” kaj “mi trovis mian perditan…” Kaj prelegetis pri Esperanto.



La kunsido ne celis por esperantistoj, sed por firmigi la bazon de estonta E-movado, kaj kelkaj junaj esperantistoj sindone laboris aranĝi la kunsidon.

**6. el konversacio.**

“Mi komponis belajn Esperanto-poemojn, kaj mem kantis.
Jen 3 el ili:
(1) AMIKA RONDO : teksto de Julio Baĝy, melodio de Gafur Mirzo
(2) EBRIO : teksto de William Auld, melodio de Gafur Mirzo.
(3) KAVALIRO : teksto de Juliusz Kriss, melodio de Gafur Mirzo.”

“Mi iniciatos E-ensemblon, kaj internacie montros tion pere de Esperanto. Mi esperas, ke nia teamo montru sin en naciaj kongresoj de Japanio kaj Koreio.”

“Mi interŝanĝas opiniojn kun Ĉielismo de Ĉinio por praktiki Esperanton en komerca kampo. Post 2 jaroj, eble okazos IKEF-konferenco en Uzbekio.”



## La Novaj KAOEM-anoj ( junio 2019 – junio 2022 )

◇Prezidanto: Nisinaga Atusi (s-ro), acero@an.email.ne.jp
◇Vic-: Nguyen Thi Phuong Mai (s-ino), goldenprocom@gmail.com
◇Sekretario: Oh Soonmo (s-ino), soonmo1010@hanmail.net
◇Vic-: Sondang Ilia Sumilfia Dewi (s-ino), ilia.dewi@gmail.com

◇Reprezentantoj:

・Okcidenta kaj Centra Azio

**Israelo**: Eran Vodevoz (s-ro), evodevoz@yahoo.com
**Irano**: Hamid Babadi Akasheh (s-ro), hamid.babadi@gmail.com
**Taĝikio**: Firdaus Shukurov (s-ro), komintel@yandex.com

・Suda Azio

**Pakistano**: Irfan Mehdi (s-ro), irfanmehdi.esp@gmail.com
**Barato**: Giridhar Rao (d-ro), agiridhar.rao@gmail.com
**Nepalo**: Mukunda Raj Pathik (d-ro), mpathik@gmail.com

・Sud-Orienta Azio kaj Oceanio

**Vjetnamio**: Nguyen Thi Phuong Mai (s-ino), goldenprocom@gmail.com
**Indonezio**: Ilia Sumilfia Dewi (s-ino), ilia.dewi@gmail.com
**Aŭstralio**: Sandor Horvath (s-ro), sandorhorvath07@gmail.com
**Nov-Zelando**: Bradley McDonald (s-ro), bradley@nzea.org.nz

・Orienta Azio

**Ĉinio**: Wang Ruixiang (s-ro), lamondo@163.com
**Mongolio**: Chimedtseren Enkhee (s-ro) chimedtserenenkhee@yahoo.com
**Koreio**: Oh Soonmo (s-ino), soonmo1010@hanmail.net
**Japanio**: Nisinaga Atusi (s-ro), acero@an.email.ne.jp

---

◇Honoraj prezidantoj de KAOEM:

Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Karaj legantoj**, vi certe memoras, ke tiu ĉi numero devintus eldoniĝi en oktobro, kvankam nun estas jam preskaŭ fino de novembro. Intertempe mi fakte havis aliajn taskojn por E., sed la prokrastiĝon ĉefe kaŭzis mia mallaboremo, ne io alia. Mi elkore petas vian pardonon refoje (ne venu la tria fojo!).



Kaj nun mi sentas, ke al nia bulteno necesas jara plano por ekspluati la tri-monatan ciklon de eldonado kaj pli-malpli sistema kolektado de raportoj kaj anoncoj. Do mi estos multe danka, se vi bonvolus informi min pri viaj aranĝoj venontjaraj por ke ni povos prepari kalendaron de azia Esperanto-movado 2020, kiu esperebla aperos surpaĝe en la januara eldono kaj helpos aktivadon de KAOEM kaj mian redaktadon. Viaj informoj atingu antaŭ 25-a de dec. al: anatiti.7@gmail.com (Kaŭa)

## Retpaĝoj de KAOEM

(1) La retejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/

(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm

Klarigo pri la membriĝo al la retejo :
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356

(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?

A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novaĴo

B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado

C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj


**Esperanto en Azio kaj Oceanio**

Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (AOK/KAOEM)

Adreso de KAOEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3

Reta adreso al KAOEM: preparata

Retejo de KAOEM: http://www.esperantoazia.net/

Redaktoro: KAWAMOTO Hiromi (Kaŭa): anatiti.7@gmail.com
Japanio 350-1307 Saitama-ken Sajama-si Gion 21-32